10-a jaro. — N-ro 1-2 (107-108) Jan.-Feb 1924.

12

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1924

☛ **Bonvolu noti nian novan adreson!** ☚

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

| | | |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. | 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. | 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. | 50.— |

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
LEON SCHEERDERS, industriisto, St. Nicolaas (Waes).
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, hemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo

# " BELGA ESPERANTISTO "

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belgiando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj : | | 1 jaro. | 6 monatoj. | 2 monatoj. | 1 monato. |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. | 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. | 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. | 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. | 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. | 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Verdaj kovrilpaĝaj : samaj prezoj + 150 0/0.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle (P. Ĉ. 399.84).
Direktoro de la Oficiala Organo:
Gazetara kaj Propaganda Servoj: } Fr. Schoofs, 11 Kleine Hondstraat, Antwerpen.
Lokaj Delegitoj:

MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA ĜENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Visé), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay), S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antv. Grupo Esper.: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstr..
» La Verda Stelo, S-roj E. De Coster, Kerkstraat, 170,
M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Hoboken.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
Boom: Grupo Esp., J. Clerbaut.
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent.
C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Lokeren: La Durma Stelo, S-ro A. Roels, Bergendries 28.
Mechelen: Grupo Esperantista, Axel Baesens, Statiestraat, 16.
St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy.
J. Hérion, rue des Raines, 8.

10a Jaro Jan.-Feb. 1924 No 1-2 (107-108)

BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 4374

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
15, Avenue Bel-Air, Uccle
Postĉeko No 399.84.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# XIIIa Belga Kongreso de Esperanto

BRUGO 7-9 JUNIO 1924.

PROVIZORA PROGRAMO:

**Sabaton, 7an de Junio:**

Posttagmeze: Kora akcepto de la kongresanoj.
Vespere: Kunveno de la Ligestraro. Parolado kun lumbildoj de S-ro J. Desonay, Spa.

**Dimanĉon, 8an de junio:**

8½a: Interrenkontiĝo de la kongresanoj ĉe la akceptejo.
9a: Vizito de l'«Muro de la Mortpafitoj».
10a: Oficiala akcepto en la Urbdomo.
11a: Ĝenerala jara kunsido de «Belga Ligo Esperantista».
13a: Fotografado de la kongresanoj.
14a: Festeno.
P. t. m.: Fakaj kunsidoj. Vizitoj de la urbo.
17½a: Boata promenado sur la internaj kanaloj.
19a: Sonorilara Koncerto.
20a: Vesperfesto.

**Lundon, 9an de junio:**

Matene: Rendevuo de la kongresanoj ĉe la haveno.
Vizito de la haveno.
Ŝipa ekskurso al Zeebrugge.
Promenado al Knocke-Zoute per elektra tramveturilo.
13a: Lunĉo en Zoute.
P. t. m. Diversaj amuzaĵoj.
Vespere: Adiaŭoj.

**ĈU VI JAM PAGIS VIAN ABONON POR 1924?**

**SE NE, SUBTENU NIN PER BALDAŬA MONSENDO!**

# BRUĜO

Bruĝo, ĉefurbo de l'Okcidenta Flandro, kalkulas 55.000 enloĝantojn. Ĝi kuŝas meze de fruktodona ebenaĵo, je 15 Kilometroj de la Norda Maro kaj je du horoj vagonare de Bruselo. Ĝiaj remparoj estas nun kvietaj promenejoj. Per larĝaj kanaloj ĝi interkomunikiĝas kun Gento, Ostendo, kaj Zeebrugge.

Konata kiel antikva urbo, fiere ĝi montras al la multnombraj vizitantoj la memoraĵojn de sia iama grandeco. Interesa je diversaj vidpunktoj, ĝi certe meritas longan restadon. Ĝi taŭgas perfekte kiel kongresurbo, unue, ĉar ĝi estas vidinda urbo, poste, ĉar en ĝi de longe — 1902 — brilas la Esperanta Stelo, kaj fine, ĉar la loka grupo plezure plenumas la deziron de la kongresanoj en Namur; tio estas organizi la kongreson de la Belga Ligo Esperantista en la «Norda Venezio» dum la pentekostaj tagoj de 1924.

Georges Rodenbach famigis Bruĝon per sia «Bruges-la-Morte», Pentristoj vidigas ĝin al ni sub diversaj aspektoj. Poetoj kantas ĝin malsimile. Ĉiuj ŝatas ĝin kaj deziras ĝin revidi.

Arta urbo de l'pasinteco, kun siaj mallarĝaj stratoj — malbone pavimitaj —, kun siaj malgrandaj pontoj, kun siaj pintaj frontonoj, ĝi impresas per siaj antikvaj monumentoj, malnovaj konstruaĵoj, impona belfrido, fieraj turoj, pentrindaj kajoj, blankaj cignoj, silenta beginejo, belsona sonorilaro, senmovigitaj ventmueliloj, pezaj pordegoj, nekompareblaj lumefektoj, kaj forta sala odoro, kiu atentigas pri la proksimeco de la maro.

Vintre kaj somere, ĉiam la urbo estas alloga kaj admirinda. Ekzistas granda malsameco inter la Bruĝo de l'vintra sezono, kiam griza ĉielo, subtila pluvo kaj maldensa nebulo kovras ĝin, tiam oni povas pensi pri tiu mortinta urbo, kara al Rodenbach — kaj tiu gaja urbo de l'somero, kiam amaso da fremduloj svarmas tra la stratoj kaj stratetoj, piede, veturile, biciklete, aŭtomobile, — ornamata tiam de siaj brilaj koloroj: blua ĉielo, ruĝaj tegmentoj, verdaj arboj, palgrizaj kajoj, marverdaj akvoj, kaj super ĉio la oraj radioj de l'suno, ĝi belege aspektas kaj instigas la koron al festo kaj ĝojo, precipe kiam la sonorilaraj koncertoj gajigas la tutan aeron. Tian urbon la kongresanoj vidos kaj ne dubinde ĝi al ili plaĉos, ili ĝuos ne nur la belecon de Bruĝo, sed ankaŭ la sukceson de la kongreso kaj la gastamecon de la Bruĝanoj.

* * *

La signifo de la nomo «Bruĝo» estas pridisputata: unuj devenigas ĝin de «brugstock», termino ne retrovita ĝis nun sur la dokumentoj kredindaj; aliaj preferas la klasnomon de «brigga», «brugga»: eriko, kiu pli bone akordiĝas kun la malnova topografio de tiu parto de Flandro, kaj tre signifa, kiam oni ĝin proksimigas de la nomoj Moerbrugge, (eriko de la marĉo), Steenbrugge, (eriko kun piera fundo), Winnebrugge, (eriko ekkulturata), kiuj estas tiuj de la ĉirkaŭaĵoj sen-

peraj de la urbo. Fine, kutime oni diras ke Bruĝo devenas de la flandra vorto «brug» ponto.

Certe estas, ke la kerno de la urbo estis la Malnova Kastelo, ĉirkaŭita de larĝaj kaj profundaj fosaĵoj. Tiu kastelo, kiu, — oni pretendas —, ekzistis de 366a, estis tre ruiniĝinta meze de la IXa jarcento, kaj kiam Baudouin la Ia akiris, de Karlo la Senhara, la titolon de Limomarkizo de Flandro, li rapidis fondi, en 767a, novan kastelon kie estas la nuna Kastela Placo. Tiu nova kastelo estis denove ĉirkaŭita de fosaĵoj kaj la ĉirkaŭbaro de la urbo estis pligrandigita lastfoje en 1362a, tiel ke ĝi mezuras sep kilometrojn da ĉirkaŭo. Dum la XIa jarcento Bruĝo estis granda, komerca urbo kaj dum la mezepoko ĝi estis unu el la plej riĉaj en Eŭropo, dank'al sia situacio apud larĝa rivero proksime de l'Maro. Sed iom post iom la marhaveno enŝlimiĝis. La ŝipoj kaj sekve la komercistoj forlasis la urbon, kiu tamen ankoraŭ brilis longatempe pro siaj luksaj festoj kaj la riĉeco de siaj enloĝantoj. Tamen ĝi ekdormis. Nun ĝi vekiĝas. La industrio refortiĝas, la negoco videble grandiĝas, la loĝantaro ĉiujare pli multiĝas, kaj ĉiuflanke, oni sin preparas, kun juneca kuraĝo, redoni al Bruĝo rangon indan de la gloraj tradicioj de tiu urbo.

* * *

Inter la multaj vidindaĵoj, ni elektu la plej notindajn. La Cefpreĝejo «Sankta Savinto» devenas el malriĉa kapeleto, dediĉita al la Virgulino kaj fondita en la VIIa jarcento. Ĝi diversfoje brulis kaj sekve estas rekonstruita kaj pli grandigita. La malsupraj partoj de la turo datumas de 961a, 1116a, 1127a kaj 1358a. La supra parto, ofte brulkonsumita, estis fine rekonstruata dum 1844-46, laŭ romana stilo.

La vidaĵo de la interno estas malbeligita de la nigra-blanka marmora tribuno, kiu haltigas la vidon.

La katedro estas farita laŭ stilo malsimila al tiu de la preĝejo. Gi kostis pli ol 42.000 frankojn kaj ĝia konstruo daŭris ok jarojn. En la horejo, fiksitaj seĝegoj skulptitaj el kverka ligno okaze de la dektria kunveno de la Ora ŝaflana Ordeno (1478a), estas malprave ŝanĝitaj. Oni forigis la gotikajn turetojn kaj anstataŭis ilin per kavaliraj blazonoj.

Multaj pentraĵoj ornamas la preĝejon, nome de la gloraj majstroj de la Flandra pentrarto: Lancelot Blondeel, Van Ost, Pourbus, Van Orley, Claessens k.t.p..

Dum la rondiro en la preĝejo oni renkontas tre vidindajn platajn kuprajn tomboŝtonojn.

Ankaŭ tre rimarkinda estas la monumento el nigra marmoro kun la rozkolora alabastra profilo de Jean Carondolet, ĉefepiskopo de Palermo dum 1544a, kiu staras en la unua maldekstra flanka kapelo.

La antikvaĵamantoj iros en la ĉambron de la preĝejestraro, kie ili vidos multe da interesaĵoj, nome: la eburan episkopan bastonon de Sankta Maklou; de la VIa jarcento.

La « Granda Placo kaj la Belfrido ». Meze de la granda placo staras la statuo de Breydel kaj De Coninck, la herooj de la milito de 1302.

Okcidente ni vidas altan nigran domon, nomata «Kranenburg», kie

la burĝoj malliberigis la reĝon Maksimilianon de la 5a ĝis la 17a de februaro 1488a.

Oriente staras la « Provinca Registarejo » kaj la «Poŝtoficejo ». Je la suda flanko ni vidas la grandegan «Belfridon». La turo, alta je 88 metroj estas pli ol naŭcentjara. Ĉirkaŭ ĝi ĉio ŝanĝiĝis, sed ĝi restas sendifekta; nek fendetojn, nek sulkojn ĝi havas, kaj per la potenca voĉo de sia sonorilaro ĝi parolas al la urbanoj, kiel antaŭe ĝi faris al la prapatroj. La belsona sonorilaro havas 49 sonorilojn kiuj kune pezas 54.650 funtojn.

Grandega kupra cilindro sonorigas ĝin ĉiu kvaronhore, puŝante per ĉiu el siaj pintoj pedalojn interligitajn kun la sonoriloj.

Sub la sonorilaro troviĝas grandega sonorilo nomata «Bourdon» (Burdo), kiu pezas 12.295 funtojn. Ĝi moviĝas, dum la festotagoj kaj ĝia profunda voĉo aŭdiĝas tre malproksime. Dufoje, dum 1493a kaj 1502a, la konusa turo, kiu superstaris la Belfridon estis detruita de la fulmofajro.

Per kvarcent-du ŝtupoj oni supreniras al la supro de la turo. Tie oni ĝuas tre vastan kaj tre interesan ĉirkaŭvidaĵon ĝis la marbordo.

La Kastela Placo. Tie ĉi iam staris la «Kastelo» la palaco de la grafoj de Flandro, kaj deveno de la nekomparebla urbo. Tie, kie oni vidas arbojn, estis iam la granda preĝejo Sankta Donato.

Je la suda flanko de la placo staras la «Urbdomo», tre rimarkinda pro sia belega gotika ĉambro en la 1a etaĝo.

En tiu ĉambrego, murpentraĵoj montras ĉefajn historiajn okazintaĵojn. Ili estas pentritaj de Albrecht kaj Julian De Vriendt el Gento.

La unua ŝtono de la monumento estis enlokigita de Grafo Ludoviko de Male en 1376a.

Je la dekstra flanko de la Urbdomo staras la «Kapelo» de la Sankta Sango. Sub tiu kapelo estas la subtera kapelo tre antikva, nomata, masonista kapelo.

Nekalkulebla popolamaso admiras ĉiujare la procesion de la Sankta Sango, kiu trairas la urbajn stratojn, la lundon post la 2a de majo.

Tio okazas je neŝanĝa tago, ĉar estas la datreveno de la alveno en Bruĝo de la sankta relikvo (je lundo tria de Majo 1472a). Tiu trezoro estis alportita de Thierry d'Alsace, kiam li revenis el Palestino, kie li ricevis ĝin de sia bofrato Baudouin IIIa reĝo de Jerusalemo.

Tre luksa estas la el oro kaj arĝento farita relikvokesto, kies valoro estas eksterordinara. Ĝi estas konservata en la supra kapelo.

La « Juĝejo » estas konstruita ĉe la orienta flanko de la placo, sur la loko, kie staris la antikva palaco, nomata «Franc».

La «kameno de la Franc» datumas de 1529a. Ĝi estas farita de Guyot de Beaugrant, laŭ la desegnaĵoj kaj sub la direktado de la fama Bruĝa pentristo Lancelot Blondeel.

La Granda Fiŝvendejo estis starigata en 1821a sur la placo antaŭe nomita «de Braamberg» (dornarbeto). Ĝi estas rekonstruita en 1852a kaj 1910a. La kolonaro en stilo dorika estis konstruita laŭ la planoj de Calloigne.



Granda Fiŝvendejo

La montrotabloj estas pli freŝdataj. Malmultaj urboj posedas fiŝvendejon tiel puran kaj taŭgaranĝitan.

De la fundo de la vendejo oni ĝuas vidaĵon belegan kaj pentrindan sur la malantaŭajn fasadojn de la palaco de la «Franc» kaj de la Urbdomo.

La «Kajo de la Rozario» estas unu el la plej belaj vidpunktoj de Bruges. Multaj pentristoj haltas tie ĉi por kopii la ravan vidaĵon.

La «Dyver» estas vidaĵo impona: malnovaj konstruaĵoj kiujn rebriligas la akvo dormanta, tilioj plantitaj laŭlonge de la promenejo, ĉe la fundo, la ponto kaj la enirejo de la palaco de Gruuthuse, kaj super ĉio la alta turo de la Sankta Virgulina Preĝejo, kiu fiere altiĝas al la ĉielo.

La «Palaco de Sinjoroj Gruuthuse» estas belega landsinjora restadejo, konstruita dum 1465a de Ludoviko de Bruĝo kaj interkomunikiĝas kun la apuda preĝejo.

La landsinjoroj de Gruuthuse estis riĉaj kaj potencaj. Ili estis la tadejo, konstruita dum 1465a de Ludoviko de Bruĝo kaj interkomukiam li estis elpelita el Anglujo dum revolucio.

Dum 1909a la palaco estas tute rekonstruita kaj plibeligita laŭ malnovaj planoj.

Nuntempe ĝi estas muzeo en kiu oni admiras la meblojn kaj objektojn de la XVIa kaj XVIIa jarcentoj kaj la belegan kolekton da puntoj, kiun donacis al Bruĝo la baronino Liedts.

La Preĝejo «Sankta Virgulino» devenas el malgranda kapelo konstruita dum 800a. La fajro detruis ĝin en 1116a kaj dank'al la malavareco de la Grafo Karolo-la-Bonfaranto, oni rekonstruis ĝin. Ĝi staras apud la rivero Reie.

Ĉe la malsupro de la turo oni rimarkas la belan gotikan portalon nomatan Paradizo (norda flanko).

La turo estas alta je 122 metroj kaj antaŭtempe, la maristoj venantaj al la bruĝa haveno, ekvidis la turon antaŭ la ceterajn.

La preĝejo enhavas multajn vidindaĵojn, nome : multajn pentraĵojn laŭ la flandra kaj itala skoloj; la belegajn tombojn de Karolo la Bravega kaj Maria el Burgonjo; la faman statuon de la Sankta Virgulino, skulptita el blanka marmoro de Miĥel-Anĝelo (suda kapelo); la seĝegon

de la landsinjoroj Gruuthuse skulptitan el kverko. En tiu seĝego la estroj de la apuda palaco ĉeestis la Diservon.

Belaj ornamaĵoj estas videblaj en la sakristio.

La «Hospitalo de Sankta Johano» estis konstruata en la XIIa jarcento; ĝi enhavas la valoregan kolekton de prentraĵoj faritaj de la plej lerta el la flandraj pentristoj, Hans Memlinc. En la Muzeo oni vidas kvin ĉefverkojn de la flandra majstro, inter kiuj la belegan keston de Sankta Ursulo, kaj ankaŭ aliajn belajn pentraĵojn.

La «Urba Muzeo» enhavas belegajn pentraĵojn de la plej famaj majstroj nome: Jan Van Eyck, nomita Johano el Bruĝo, Hans Memlinc, Hugo Van der Goes (elpar. Gus'), Petro Pourbus kaj Gérard David.




Enira pordo de l'Beginejo

La «Beginejo» estas konstruita en la XIIIa jarcento. Tuj kiam oni alvenas sur tiun vastan enbenaĵon plantitan je altaj arboj kaj ĉirkaŭata de la malgrandaj blankaj dometoj en kiuj vivas la beginoj, oni eksentas neforgeseblan korpremon.

Tie ĉi, malproksime de la urbaj bruadoj, oni malofte renkontas homojn. La ĉiama silento kaj kvieteco estas nur interrompitaj de la murmuro de la vento, blovanta tra la foliaro.

La preĝejeto estis konstruata dum 1245a; ĝi enhavas kelkajn vidindajn pentraĵojn.

La «Lago de Amo» (Minnewater). Tiu ĉi vidaĵo de la urbo, kies turoj kaj pintaj frontonoj speguliĝas en la kvietaj akvoj, estas pentrinda kaj neforgesebla.

La vera flandra nomo de tiu lageto estas «Binnenwater» (interna lago), sed la Francoj alnomis ĝin « Lac d'Amour », Lago de Amo, kaj kutime la Bruĝanoj nomas ĝin tiel. Tiu fama «Lago de Amo» estas baseno kavigita en la fluejo de la Reie, kiu eniras tie en la urbon. Ĝi estis la haveno de la Bruĝo antikva. Tial oni defendis ĝian aliron per fortikaĵoj, kies turo, flanke de la ponto estas la lasta postsigno. Tiu turo estis konstruata de Johano Van Oudenaerde en 1398a. De la XVa

jarcento kaj ĝis en tiuj lastaj jaroj, ĝi utilis kiel pulvoturo kaj deponejo de militmunicioj.



Lago de Amo

La «Tonlieu». La granda konstruaĵo kun fasado el blanka ŝtono, ĉe l' norda flanko de la placo Van Eyck estis konstruata en 1477a kaj



Tonlieu

tute restarigata, aŭ, pli bone, rekonstruata en 1878. En la pasinta tempo estis la Tonlieu, kie oni kolektis la impostojn pri la komercaĵoj importitaj el eksterlando. Nuntempe oni starigis tie la publikan bibliotekon. La pordegejo tute gracia, datumas de post 1478a, ĝi estas ornamita de la blazonoj de Petro de Luksemburgo, grafo de Sta Pol kaj kavaliro de la Ora Ŝaflana ordeno, mastro de la granda «tonlieu» de Bruĝo.

Ne finiĝis la serio da belaĵoj. Restas multe per surprizi! Jen ankoraŭ ĝenerala vidaĵo de la urbo kun siaj tri plej altaj turoj: Belfrido, Sankta Savinto, Sankta Virgulino. Ili estas la unuaj por deziri la bonvenon, la lastaj por adiaŭi. Simbolo de grandeco, fiereco kaj beleco, ili estas la animo de Bruĝo.



Ĝenerala vidaĵo.

* * *

La «Bruĝa Grupo Esperantista» esperas tutkore, ke multaj belgaj gesamideanoj partoprenos la kongreson de «Belga Ligo Esperantista» kaj ke kelkaj geamikoj el najbaraj landoj bonvolos, per sia ĉeesto, montri la internaciecon de nia movado, de nia propagando, de nia estado.

YVONNE THOORIS.

---

— Kio estas tio, Tom? demandas la instruisto. Ĉu ĝi estas via redakto? Certe viaj kamaradoj skribis jam du paĝojn, dum vi ripozas.

— Estas tio, kion mi farus, kiam mi estus milionulo..., respondas Tom.

Sro Dobo al sia amiko Foso: «Hieraŭ vi denove retenis min malfrue; kiam mi tiam vidis kiom estis malfrue, mi hejmenkuris kiel la fulmo...»

Foso : «Ĉu ankaŭ zigzage..?»

# Belga Kroniko

BRUĜO. — La kurso por komencantoj, gvidita de S-ro Dervaux, finiĝis la 24an de junuaro kun 26 gelernantoj, kiuj, plej grandparte, abonis B. E.

La tiea grupo ageme laboras por la organizado de la proksima kongreso. Estas esperinde ke multaj gesamideanoj ĝin ĉeestos!

GENTO. — «Genta Grupo Esperantista». Merkredon 6an de februaro S-ro Advokato Groverman faris en Esperanto tre interesan paroladon pri «La Bizonoj kaj Uroj». La novaj lernantoj admiris la belsonecon de la lingvo kaj la facilecon ĝin kompreni.

S-ro Advokato Mast, kiu posedas tre bonan aparaton de T. S. F. faros baldaŭ paroladon publikan pri Esp. kaj T. S. F. kun eksperimenta aŭdado. Tiaj kunvenoj tre taŭgas por nia propagando kaj estas dezirinde ke ĉiu grupo penu siavice tiajn organizi.

Klubo « La Progreso ». — Ĉarman intiman feston ĝi donis dimanĉon 3an de februaro. Fortepiano, kantoj, deklamoj, teatraĵetoj, fotografado, dancado, nenio mankis! Nur la loko mankas tie-ĉi por laŭdi ĉiujn plenumintojn de la programo. Ni nur diros, ke la festo plene sukcesis kaj honorigas la geartistojn kaj la organizintojn.

MEĤLENO. — Ĝenerala kunveno de la grupo okazis la 6an de Januaro. La jena komitato estis elektata: Prez.: F-ino Beelaerts; Vic.-prez. S-ro D-ro Andries; Sekr. Sro Baesens ; Kas. F-ino, A. Borremans; Bibl. S-ro L. Ardies.

La presisto de la programo de la sonorilkoncertoj promesis presigi en ĝi Esperantan tekson.

LOKEREN. — La ĉiujara Ĝenerala kunveno de la grupo «La Durma Stelo» okazis la 27an de Januaro. Multaj membroj ĉeestis, kaj aŭdis interesan raporton pri la agado de la komitato dum 1923, kaj pri la financa situacio dum la sama periodo. Okazis ankaŭ la laŭregularaj elektoj kaj diskutadoj pri diversaj grupaj aferoj, i. a. pri la kotizaĵo por la jaro 1924.

S-ta NIKOLAO. — Nia samideano Gerard De Boes iniciatis organizon de kunveno, kun la celo starigi grupon. Liaj klopodoj sukcesis, ĉar ni povas anonci la fondon je la 26a de Januaro de grupo « Al Triumfo», al kiu ĝis nun aliĝis 16 gemembroj, kiuj ĉiuj estas abonantoj de nia revuo nacia « Belga Esperantisto ». Unuanime S-ro G. De Boes estas elektita prezidanto de tiu nova societo, kaj je la 23a de Februaro li jam komencis novan kurson de Esperanto.

ANTVERPENO. — La 18an de Februaro « La Verda Stelo» kunvokis siajn membrojn por festi la 17an datrevenon de la fondiĝi de l' grupo. Festkunsido estis tiuokaze organizita en salono «Anselmo». En la koncerta parto bonvole kulaboris: F-ino Martha Vervloet per deklamado, S-roj Milio (pianisto), E. Van Beughem (violonisto kaj J. Karnas (humoristo). La oficiala parto enhavis raporton pri la agado de la grupo dum 1923, verkitan de S-ro De Coster kaj legitan de S-ro

De Schutter. El tiu raporto ni notu ke la grupo organizis entute 10 kursojn, el kiuj 6 gviditaj de la prezidanto S-ro Schoofs, 2 de S-ro M. De Ketelaere kaj 2 de S-ro J. Van Schoor, por entute 150 lernantoj. Ordinaraj kunvenoj de la membroj okazis ĉiusabate dum kiuj ili ekzerciĝas en Esperanta parolado kaj diskutado. Krom tio la societo organizis ekskursojn: al Bruselo (kun vizito al Monda Palaco kaj Yzer-Panoramo), al Lokeren kaj Overmeire; al Aertselaer kaj Reeth, al Cappellen, al Schilde kaj Schooten, kaj fine al Namur, kongresurbo en la pasinta jaro. La grupo dissendis 8000 ezempleroj̥n de «Esperanto-Film».

Post la reelekto de la Komitatanoj por 1924, la prezidanto skizis vastan programon de la laboro, kiu atendas la agemajn gegrupanojn dum la nuna jaro. Li precipe atentigis pri serioza movado starigota inter la Antverpena junularo. Ni deziras kore, ke li sukcesu efektivigi nur la duonon de ĉio, kion li intencas realigi; eĉ tiam la tuta grupo povos fieriĝi pro la liverita klopodo!

Agrabla dancfesto finis la vere familian feston de tiu agema Antverpena grupo.

* * *

La 12an de Februaro nia malnova samideano J. De Waegenaere festis, en teatro «Popoldomo» de Antverpeno sian 40 jaran teatrartistan jubileon. Je tiu okazo la Antverpenaj Esperantistoj, laŭ iniciato de la grupo «La Verda Stelo», de kiu la jubileanto estas komitatano, partoprenis en la honormanifestado, kiu okazis en la teatro, post la prezentado de la teatraĵo « Banden » (Ligiloj) en kiu nia samideano ludis brilege la ĉefrolon.

Aŭdinte la diversajn kutimajn gratulojn de la teatraj kolegoj de la festheroo, la publiko, kiu plenigis la salonon, plej atente aŭskultis la tutkoran kaj klaran paroladeton en Esperanto, per kiu S-ro Schoofs sin turnis al «amiko Jef», prezentante al ĉi tiu artan objekton kiel memoraĵon de la Antverpenaj Esperantistoj. Parolis ankaŭ S-roj J. Swalf, je la nomo de la Esperantistaj Diamantistoj, kaj S-ro Van Sitteren je nomo ed la grupo «Nia Ideo». Dankante la gratulintojn S-ro De Wagenaere ne preterlasis danki la Esperantistojn per tre trafa parolado en Zamenhofa lingvo. Tre simpatie la ĉeestantaro multnombra aŭskultis la du parolojn en Esperanto; unue ĝi iomete miris... poste ĝi mienis scivoleme.... kaj fine, antaŭ la hela elparolado de ambaŭ niaj amikoj, ĝi ŝajnis diri: «se vi opinias, ke ni ne komprenas, vi estas **de la bona jaro!**». Konkludo: belega vespero, pri kiuj ĉiuj partoprenintaj gesamideanoj sendube konservos agrablegan memoraĵon, kaj, krom tio, ne-rekta sed plej efika propagando por nia lingvo!

---

**Kion li farus** — La instruisto donas redakton, titolitan: «Kion mi farus, kiam mi havus milionon da frankoj.»

Dum ĉiuj laboras diligente, li vidas unu de liaj lernantoj, kiu faras nenion.

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — «Neptune», «Nieuwe Gazet», «Morgenpost» kaj «De Schelde» raportis favore pri la jarfesto de grupo «La Verda Stelo». Preskaŭ ĉiuj Antverpenaj gazetoj anoncis detale la radiofonajn paroladojn de la 2a kaj 17a de marto de S-ro Pitlik, el Praha.

«De Diamantbewerker» (5-1, 2-2, 10-1): komunikoj en Esperanto pri la Esp. fako en la Biblioteko de la Ĝenerala Diamantista Ligo.

«Volksgazet» (16-2): propaganda artikoleto kaj alvoko por sekvi kurson de Esperanto.

«De Scout» (Jan.-Febr.): tre trafa artikolo de « Selano » montranta la nunan staton de Esperanto.

BRUĜO. — «Journal de Bruges» (31-1): parta represo de artikolo de S-ro Maurice Leblanc en «Revue Générale d'Electricité»; la aŭtoro insistas pri la ebleco solvi la problemon de internacia lingvo per t. n. artefarita lingvo Esperanto. (11-2): kelkaj novaĵoj pri Esp. el aliaj landoj.

GENTO. — «Flandre Libérale» (13-2): letero kun enhavo favora al Esperanto. Tiu letero estas sendita al la gazeto responde al verŝajne nefavora artikolo aperinta en la numero de 10-2, kiun ni bedaŭrinde ni ricevis.

«Gazette van Gent» (11-1, 18-1, 25-1, 1-2, 8-2): daŭrigo de la Flandra-Esperanta frazaro.

MEHLENO. — «Gazet van Mechelen» (9-1): informo pri la Belga Kongreso en Bruĝo; (16-1): informo pri la radiofona parolado 31-1 el Praha, kaj pri kurso; (25-2): detala raporto pri la citita radiofona parolado; (29-2): anonco pri la senfadenaj paroladoj 2 kaj 17-3 el Praha.

ST. NIKOLAO. «De Nieuwe Tijd» (17-2) anonco pri nova kurso organizita de la grupo «Al Triumfo»; «De Volksbode» (16-2): informo pri starigo de tiu nova grupo kaj pri la organizita kurso.

TOURNAI. — «Avenir du Tournaisis» (2-2): artikolo pri la rivaleco inter Esperanto kaj Ido. Artikolo entute ne tro malfavora al Esperanto; sed enhavanta kelkajn dirojn, kiujn la redakcio devus kontroli: interalie, ke I. estas akceptita kiel interkomunikilo inter la socialistoj, ke tiu lingvo estos baldaŭ la universala lingvo de la senfadena telefonado. Tiuj sinjoroj marŝas rapide!

### GRAVA PETO AL ĈIUJ BELGAJ ESPERANTISTOJ.

La gazeta servo de la Ligo regule funkcias kaj dissendas regule informojn pri Esperanto al proksimume 100 ĉiutagaj kaj semajnaj gazetoj en la lando. Sed ni ne scias, ĉu niaj artikoloj aperis aŭ ne. Tial ni insiste petas ĉiujn gesamideanojn, ke ili eltranĉu la artikolojn aŭ informojn aperontajn en la lokaj ĵurnaloj kaj sendu ilin presaĵe» al nia revuo en malfermita koverto aŭ gluita sur kartono.

# Kion flustras la arbaro

I.

Kion flustras la arbaro
Dum de l'suno taga varm'?
Estas songô de l'estanto
Kaj de l'amo Dia ĉarm'!

Kion flustras la arbaro
Dum de l'nokto hela lun'?
Estas kanto de la morto
Kaj de subirinta sun'!

Kion flustras la arbaro
Dum somera belveter'?
Dum murmuras la venteto
Kantas ĝi pri amesper'!

Kion flustras la arbaro
Dum griz-vintra la natur'?
Eksonigas ĝi muĝante
Antaŭsignojn de terur'!

Kion flustras la arbaro
Al la idoj de l'junec'?
Ĝi rakontas pri herooj,
Pri prapatra fierec'!

Kion flustras la arbaro
Al maljuna homa gent'?
Ĝi en kor' rememorigas
Revon de estinta sent'!

II.

Kion flustras la arbaro
En matensolena hor'?
Estas himno kaj laŭdado
Je l'komenco de labor'!

Kion flustras la arbaro
Dum krepuskas sur la ter'?
Amo nia ne laciĝas
Sed nin gvidas al la ver'!

Kion flustras la arbaro
Ĉiam dolĉe, sen ripoz'?
Inter dornoj gratvundigaj
Staras nur la vivoroz'!

Kolonjo, la 5an de Oktobro 1923. Juul KARNAS.

# La Stratlanterno plendas

En granda la mondo, neniu krom homo
Pli vantas pri arto kaj ĉionscivolo;
Sed mi opinias ke inteligento,
Sur tero, ne estas vanteca simbolo!

Dum multaj jarmiloj, dum tago kaj nokto,
Artistoj, en verkoj laŭ ĉiu esprimo,
Pritraktis belecon kaj gloron de l'suno,
Neniam videbla en eta proksimo!

Kaj tute forgesas homaro vantema,
La grandan valoron de mia interno;
Dum suno, necesa en nokto, forrestas,
La lumon redonas nur mi, stratlanterno!

Sed mond' evoluas kaj iam komprenos,
Ke simplaj lanternoj, al homo fidelaj,
Per lumo kaj brilo, pli multe valoras
Ol grava komplekso da sunoj ĉielaj!

Kolonjo, la 13-12-23. Juul KARNAS.

# La Leciono al la Najtingalo

Fragmento el « La Filozofo el la Kluzodomo»
de Maurits Sabbe (1).

La najbaraĵo de l'Minnewater (2) estas la restadejo preferata de l'najtingaloj. Dekduope ili nestiĝas en la ĉirkaŭaĵo. La kluzomastro sciis, ke unu loĝas inter l'akrodoraj jasmennuboj en la bierfarejo, tri en l'arbejo de la linblankigisto, alia en la laŭbeto de l'oleofaristo kaj diversaj ankoraŭ en l'arbustaĵo trans l'urba remparo. En la ĝardenetoj de l'Beginejo ankaŭ sin kaŝis kelkaj. Kaj ĉiujn tiujn birdoj li amis. Estis pro tio ke li, kun ega malkontenteco sciiĝis, ke la filo de l'bieristo intencis, post nelonge kapti la najtingalon sur sia bieno por enŝlosi ĝin en kaĝon.

Li malhelpos tiun kapton. Por tio li estis nun laboranta... Li estis metinta ekstere, ĉe la bordo de l'akvo, bierglason, kun. duo da farunvermoj sur la fundo. Per longa, karesanta fajfado li poste estis tirinta al si la atenton de la najtingalo, kiu sidis en la jasmenoj. Kiam la birdo surprizita ekrigardis, la kluzisto per bastoneto skrapis la teron ĉirkaŭ la glaso, kaj tiam foriris.

«Mi vetas, ke post malpli ol unu minuto, ĝi sidos apud la trinkglaso». Kaj efektive, apenaŭ la kluzisto staris antaŭ la fenestro, ke la scivolema najtingalo alvenis saltetante al la glaso; gravmaniere kun rapidaj kolmovetoj, ĝi unue esploris la elskrapitan teron, sed baldaŭ saltis sur la bordon de l'glaso kaj ekvidis la grasajn kaj bongustajn vermojn sur la fundo. Ne pripensante eĉ unu sekundon, la najtingalo sin ĵetis la kapon antaŭe en la profundaĵon por bekmanĝi la allogan frandaĵon. Sed nun la nesaĝulo ankaŭ-estis kaptita. Ĝia flugiloj streĉigis ĉiuflanken en la glaso kaj estis tute senutile pensi pri liberiĝo.

« Ĝi estas tiel malsaĝa kiel ĝi estas scivolema!» ekridis la kluzisto, dum li iris por liberigi la birdon. Li donis ĝin punmaniere duon da malfortaj frapetoj sur la dorso kaj la kapo, kaj poste lasis ĝin forflugi kun l'admono:

« Atentu ke ci ne revenu, malsaĝa, bona besteto! »

Kun zumanta tremetado de siaj flugiloj la najtingalo estis elfluginta el la manoj de l'kluzisto al sia jasmenbosko, el kiu ĝi ree direktis scivolemajn, avidajn okuletojn al la bierglaso. «Ci ankoraŭ revenos» diris la kluzisto « mi ja estas certa pri tio ». « La duan fojon ci pli bone sentos ĝin». — Denove la kluzisto iris elskrapi la teron per sia bastoneto kaj ekmovis la farunvermojn en la glaso. De el la fenestro li observis refoje la faradon de l'birdo, kiu efektive, laŭ la antaŭdiro de l'kluzisto, ree forlasis la jasmenojn, kaj venis salteti ĉirkaŭ la glaso alloganta. Kaj jen! ĝi sidiĝis denove sur bordon de l'glaso. Pli singardeme ol la unuan fojon, ĝi malsuprenfleksis la kolon, sed sin streĉis tiel avid-

(1) Nuntempa flandra verkisto.
(2) Amlago en Bruĝo.

dezire al la farunvermoj, ke ĝi ree perdis ekvilibron kaj glitis malsupren, kaptita en la glaso kiel en ingo. Rapide la kluzisto kuris eltiri la najtingalon el la glaso, donis ĝin tiufoje skuadon kaj duon da frapetoj pli fortaj. Per grava voĉo li mallaŭdetis ĝin pro ĝia malprudenteco: «Ĉu ci nun scias, kio estas la sekvo, ci stultulo? Atendu ke nun ci ne plu flugu en bierglasojn! La bierfaristo volas kapti cin, bona besto. En lia kaĝo estos plezure, ĉu ne, frandemulo? Memoru de nun la lecionon kaj ne maltrankviligu la vermetojn en la glasoj. Ĉu ci fine komprenis?»

Tiel li admonis la najtingalon kiel peketintan bubon. Tial ke li opiniis ke la birdo lin komprenis, li donis ĝin ankoraŭ lastan skuon kaj lasis ĝin.

«Nun, ĝi estos ĵa konvinkita», li parolis kontente. «Kaj nun la bieristo povas plenigi sian ĝardenon je bierglasoj kun vermoj : la najtingalo ne plu enflugos. Nun ĝi estas instruita».

* * *

Estis jam krepuskanta. El la jasmenbosko, en la biereja ĝardeno, subite supreniris flutado dolĉvelura kvazaŭ blovata el delikata metalo. Sin apogante super la fenestro, la kluzomastro aŭskultadis volupte la ĉarman kantadon, kiu supreniĝis kiel sonfontano el la foliaro mistera.

Du, trifoje la longa plensona flutado treaŭdiĝis kiel larĝa, serena preludo. Tiam komenciĝis malkvieta trilado mirtoneca, ĝojegado de riveretoj bonsonaj, klaketado de junaj folioj en la mistero de noktoj printempaj, tremetanta tintado de arĝento, plena je bruo provokanta, interfrapetado de falantaj kristaleroj, de kiuj ĉiu sonereto ektuŝis la koron senteble. Nun la bruado suprenleviĝis per flugiloj kvazaŭ por flugado ĉielen. Tiam ĝi ree malsupreniĝis en la penetrantajn meztonojn de pasia ĝuo; tiam pli supren ankoraŭ en la abismojn de suferado kaj kordoloro. Tiam resonis la sama nobela flutado de l'komenco, sed ĝemante nun, kiel petego de animo suferanta. Tiam ĝi elŝprucis refoje kiel kantanta ebrieco de memoritaj, forflugintaj ĝuadoj, tintanta volupto de deziro kaj sopiro al malproksimaj feliĉegoj neatingeblaj.

Kaj kiam la unua najtingalo estis doninta la signalon, la tonensorĉado ĉie estis ekreganta. El la arbejoj kaj la laŭbetoj, la arbustoj kaj la beginejaj ĝardenoj, la multvoĉa kanto supreniĝis kiel ravo, kaj bruis pure kaj libere trans la briletanta «Minnewater» kiu, kun lumaj profundaĵoj kaj turkisa klareco de la lunhela majonokto, kuŝadis kiel grandega tonspegulo antaŭ la kluzodomo. L'aero estis bruoplena. Kantis el akvo, el la tero, el la ĉielo, plene je fortoj misteraj, kiuj multigis ĉiun alian bruon, kaj el la homkoro venkita naskiĝis sopiron de nedifinita, melankolia deziregо.

«Brave!» murmuris la kluzisto ravite. «La najtingalo de l'bierfaristo ne kaptiĝis sin. Brave! besteto, ci bone memoris la lecionon!»

Tradukita el nederlanda lingvo de Hector VERMUYTEN.

---

**La bondeziro.** — Kara kuzino, ni prezentas al vi la plej bonajn gratulojn kaj nia patrino diris al ni ke, se vi donus al ni kelkajn monerojn, ni ne devas perdi ilin.

# Karnavala Balo

Jam la karnavalo daŭris de tri tagoj; la lastan el ili, ni — kelkaj «seriozaj» geamikoj — promenis jam la tutan vesperon en la urbo, inter la ĝojaj maskitaroj kaj la «aliaj seriozaj personoj», intrigataj de multaj el la unuaj kaj ĝuantaj la intrigojn al la duaj, kiam, alvenintaj proksime de l'Granda Cirko, brile heligata per elektraj lampoj, ni decidis supeniri la galerion por admiri la spektaklon de l'balo okazanta ĉiuvespere en la ronda ĉambrego. Tio kostas nur kvindek centimojn popersone, kaj kontraŭ tiu modesta kosto, ni ankaŭ alestas la balon!... Kaj ni suprenirⱥs feran ŝtuparon per kiu ni atingas rondforman koridoron, kie jam aŭdiĝas la konfuza bruo de akre ludantaj kupraj muzikiloj, de kantantaj voĉoj kaj de ritmataj piedfrapoj sur la ligna plankaĵo! Jen ni alvenas al i vest-, aŭ pli ĝuste-, al baston- kaj pluvombrel- konservejo; «Dek centimojn, gesinjoroj!» Estas efektive malpermesate eniri kun tiaj eventualaj «batililoj» dum tago en kiu la spiritoj estas tiel multe ekscitataj...

Ni donas do nian... batalilaron kun truita monero, kaj surgrimpas lignan ŝtuparon supre de kiu ni en la festejon aperas kvazaŭ la diablo en «Faŭst'»!!

Bona Dio! Kia sufoka varmeco kaj kiom da publiko sur tiu galerio! Ni traboras tiun homan muron kaj fine venkokupas lokon sufiĉe komfortan. La ĉambrego estas plena je elektra lumo; la ĉirkaŭloĝioj estas ornamitaj per floraj girlandoj; aro da mastoj portas, ĉirkaŭ la tuta galerio, zonon la Veneciaj lanternoj; teretaĝe, la ronda muro estas kovrita per speguloj kiuj donas al la ĉambrego, per rebrilo, aspekton grandegan kaj feinpalacan! La unuaetaĝaj loĝioj estas plenaj je trankvile sidantaj kaj antentemaj maskitinoj, videble «honestaj personoj» kiuj ne volas ke oni sciu pri ilia ĉeesto al la balo, sed kies scivolemeco!

Kaj, malsupre, estas brilega amaso da ĉiuspecaj, ĉiuformaj, ĉiukoloraj vestaĵoj. Ĉiuj nacioj de l'kvin mondpartoj estas reprezentataj! Ankaŭ la diablo sendis deputaton, tute ruĝvestitan; la bestaro promenas netimate inter la homoj...

Kaj jen la orhestro ekludas unu el la popularaj dancoj; tuj la paroj formiĝas: jen Italino gracie dancanta kun la diablo; urso ĉirkaŭprenas beletan, grandperukan Manonon, Arlekeno sin turnas al Pierino, kamparano kun surflagita cilindra ĉapelo, al mirrakonta feino, dum pli grandaj aroj eksaltas ringforme sin tenante mano ĉe mano. La entuziasmo, la movo estas grandaj; baldaŭ la gedancantaro superkantas la muzikon kiu iom post iom plirapidigas la ritmon; fine la dancado fariĝas freneziga kurado kaj distirado, iaspeca infera galopado bruega pro piedbatado sur la plankaĵo kaj la akraj krioj de la tro forte enbraktenataj dancantinoj! Kaj tiu hommaro, ĉiukolora amaso turniĝas kaj ĉiam pli furioze turniĝadas ronde de la ĉambrego!

Nun la muziko silentas. La dancado ĉesas, la grupoj disiĝas, la paroj brakdone aŭ sin talitenante interkruciĝas kaj iras refreŝiĝi en la koridorojn kie estas organizitaj laŭbetoj kun tabloj kaj seĝoj. Sur

ĉi-tiuj la paroj, pro laceco, sin lasas fali, sin tenante ĉiam reciproke en la brakoj: baldaŭ la ĉampano ŝaŭmos en la glasoj kaj oni pli kaj pli enamiĝos kaj ekscitiĝos.

La ripozo daŭros almenaŭ unu duonon da horo, kaj poste, la dancado rekomencos, nova ripozo kaj nova dancado okazos kaj tiel la balo daŭriĝos dum la tuta nokto...

Por ni, mizeraj, « seriozaj », gegalerianoj, nun ne estas plu multo vidinda en la preskaŭ senhoma ĉambrego; ni forlasas tiun ĝojlokon de l'feliĉa, senzorga gejunularo kaj iras trankvile al niaj reciprokaj hejmoj, por dormi kiel saĝ-, ne, kiel «gesaĝuloj»!

Originale verkita de L. COGEN.

# La Ŝtelisto de Diamantoj

DE FRITZ FRANCKEN.

Estis ja malgaja okupo, la gluado de saketoj en ŝtatmalliberejo, kaj Tambur bedaŭris ke li persvadigis sin de tiu Jakobsen, ĉar kiom longe li estis jam en la malliberejo? Jes, atendu iomete... ok, naŭ, dek semajnojn, eternon, kaj la monatoj kiujn li ĉi tie, en ĉi tiu malluma karcero ankoraŭ pasigos, estis preskaŭ nenombreblaj...

Sed Jakobsen tiom lerte konvinkis lin:

— Tambur, ĉu vi havas ja ideon pri 30.000 frankoj. Per ili vi...

Kion Jakobsen ne fantaziis! En lia buŝo tiu sumo kreskis ĝis io mirinda. Liaj paroloj vidigis trezorejon, kie la bareloj da oro amase kuŝis laŭlonge la muron kaj Tambur tie promenos kaj povos laŭvole plenigi siajn poŝojn!

Lia konsento pri la propono de Jakobsen. lia arestiĝo kaj lia kondamniĝo: tiuj okazintaĵoj sin sekvis tiel rapide, ke la afero estis finita, jam antaŭ kiam Tambur rekonsciiĝis el sia mirego...

* * *

Ili renkontis unu la alian denove, post multjara disiĝo, en vinejo de la Strateto de l'Dekdu monatoj. Ambaŭ ili restadis en fremda lando, laborakiris monon kaj tuj elspezis ĉion, kaj kiam ili en Antverpeno alteriĝis, ili havas ankoraŭ ĝuste sufiĉe en la poŝo, por elspezi ĝin, en aŭtomobilo dum unu semajno.

Apud glaseto da porto ili parolis pri la estonto, kiu por neniu el ambaŭ vidigis grasajn jarojn, kaj tiam subite ekbrilis kvazaŭ lumeto en la malicaj okuloj de Jakobsen kaj montris tiu triumfe, gazeteltranĉaĵon al Tambur, kun ordona: «Legu tion!»

Kaj Tambur legis la fatalan anoncon:

## REKOMPENCO DE KVINDEKMIL FRANKOJ.

Ĵaŭdon matene estis poŝoŝtelita sur la rapid-vagonaro Antwerpen-Amsterdam la paperujeto de Sinjoro Stekelorium, makleristo en A'dam. La paperujeto enhavis por 300.000 guldenoj de kruda diamanto. Rekompenco de kvindekmil frankoj estas promesata al tiu, kiu povos helpi la policon por eltrovi la kulpulon.

Informojn oni povas ricevi ĉe la Estro de la Esplor-oficejo, Gildodomostrato, 7, en Antverpeno

— Nu? diris Jakobsen, kiam Tambur estis leginta la eltranĉaĵon. Tambur ne ekkomprenis kion tiu anonco signifis rilate al ilia komuna mizero. Li vidis ankoraŭ la rideton de Jakobsen, tiel, kun sulketo ĉirkaŭ la buŝanguloj.

— Tiujn 50.000 frankojn ni povas gajni. Se vi volas!

Kaj Jakobsen klarigis sian proponon.

— Lasu min deklari, ke vi poŝoŝtelis la paperujeton. Vi estas arestata kaj jesas mian deklaron. Oni enkarcerigas vin dum kelkaj monatoj kaj mi enpoŝigas la 50.000 frankojn. Mi sendos al vi ja 30.000 frankojn kaj kiam vi estos liberigata, vi estas sinjoro kiu nenion alian devas fari ol fumi cigarojn kaj trinki glasetojn da likvoro...

— Sed, la ŝtelitaĵo?

Jakobsen opiniis, ke oni ne povas embarasi lin per tia bagatelo.

— Kion diras la anonco: «helpi la policon por eltrovi la kulpulon!» La kulpulo estas vi. Ĉar vi konfesas. Kaj ĉu de ŝtelisto siavice oni ne povas ŝteli? Vi povas profiti la okazon por viavice meti plendon kontraŭ nekonatuloj!

* * *

Tambur akceptis la proponon. Jakobsen anoncis sin en la Gildodomostrato.

— Sinjoro. rakontis li, mi pensas, ke mi konas la kupulon de la diamantŝtelo. Mi estis ĵus en la stacio, kiam la ŝtelo estis farata. Mi rimarkis, kiel sinjoro — kies aspekto similas al la poste en la gazetoj publikita priskribo, — malkviete forkuris tra la homamaso atendanta vagonaron. Hazarde mi nun revidis lin. Mi sekvis lin kaj rimarkis, ke li eniris loĝejon en la Malnova Borso-strato. Eble li loĝas tie...

Jakobsen transdonis sian identeckarton al la policestro, kiu precize notis, kion la alia komunikis.

Unu horon poste Tambur jam trapasis juĝan demandaron. Li unue neis, sed post pli brua eksplodo de la polickomisaro, li konfesis.

Estis kvazaŭ la policestro kreskis de feliĉo malantaŭ sia pupitro. Ĉi tiu rapida aresto certe prizorgos al li promocion kaj li estis tiom kontenta, ke li volonte estus ĉirkaŭbrakanta Tambur, kiam ĉi tiu subskribis la protokolon en kiu lia konfeso estis formulita. Li eĉ forgesis informi sin pri la ŝtelitaj diamantoj; Tambur atentigis lin pri tio

— Ve, balbutis Tambur, la ŝtelitaĵon... oni ŝtelis de mi. Ĉar apenaŭ

mi estis el la homamaso, kiam ankaŭ de mi la paperujeto estis ŝtelita el mia poŝo...

La enketa juĝisto faris ja kelkajn dubajn rimarkojn pri tiu dua ŝtelo sed fine Tambur estis kondamnita pro pôsoŝtelo. La civila partio ankaŭ estis kontentigita sed per tio la deŝtelita makleristo ne povis eviti la bankroton, kiu minacis lin.

Kvankam malfacile, Jakobsen tamen enspezis la 50.000 frankojn. Li donacis grandanime sumon de 200 frankoj al la «Bonfara Societo por la Kondamnitoj».

* * *

Tambur ĉion ĉi tion sciiĝis de gardisto, kiu enrigardis la gazetojn destinatajn al la politikaj malliberuloj. Li pacience portis sian sorton kaj kiam la enuo kelkfoje tro tedis lin, tiam li konsolis sin pensante al la momento, kiam Jakobsen pagos al li la 30.000 frankojn...

Li tamen miris ĉar Jakobsen ne klopodis doni al li nedirekte signon de vivo. Sed li trankviligis sin mem kaj opiniis, ke eble estis pli saĝe ne fari penon, kiu povus kaŭzi suspekton...

Malliberulo havas tamen tro multe da tempo por pensadi pri aferoj, kiujn li prefere devus forpeli el sia spirito kaj tiel Tambur decidis post tri monatoj da mallibereco, nerimarkite portigi letereton al la adreso de sia amiko Jakobsen. La respondo ne forrestis: la domestrino konfidenciis al la komisiisto ke «Sinjoro Jakobsen iris por aferoj eksterlanden».

La kapo turniĝis al Tambur, kiam li sciiĝis tiun teruran novaĵon. Lian malesperon superis lia indigno.

— Tiu fripono, blasfemis li, tiu sentaŭgulo, tiu malhonestulo. Atendu, li konvene regalos lin. Li petos interparoladon kun la direktoro de la malliberejo, rakontos al li detale sian sperton kun Jakobsen...

Tio okazis. Sed la direktoro forsendis sian klienton malfide al la enketa juĝisto.

* * *

Kiel la ĵurnalistoj eksciis la novaĵon, jam antaŭ kiam Tambur havis interparoladon kun la enketa juĝisto, tio neniam malsekretiĝis.

Sed kiom surprizita estis la enketa juĝisto, kiam Tambur al lia demando:

— Kion vi deziras rakonti?

.. respondis:

— Nenion. Mi nur deziris enspiri iom da freŝa aero kaj vidi homojn!

— Kion?

Tambur ridetis kiel iu kiu ĝojas pro sia propra ŝerco. Li kompreneble estis laŭmerite rekompencita pro sia impertinentaĵo sed jam la saman tagon la gardisto estis devigata admoni lin, ĉar li laŭte kantis en sia karcero..

* * *

Mi estis tiam dentisto en la malliberejo. Je certa tago oni sendis al mi Tambur kiel paciento. Strange estas, ke multaj kondamnitoj

spontane montras amikecon kaj fidas je mi. Ĉu mi ŝuldas tion al la fakto, ke ili vidas en mi ankaŭ iun kiu de multaj... «eltiras denton?» Tio restu respondota demando.

Tiel Tambur ankaŭ rakontis min, kio okazis al li. Kaj kio en ĉi tiu historio estas por vi misteroplena, ne plu estas por mi enigmo.

La vera ŝtelisto de la diamantoj sukcesis transsendi al Tambur, ĵus antaŭ lia interparolado kun la enketa juĝisto, letereton en kiu li promesis al li sumon de 50.000 frankoj, se.... li reprenas sian plendon kontraŭ Jakobsen.

Deklaru nun ankoraŭ, ke kredo ne plu ekzistas en la mondo. Ĉar kiu kuraĝos pretendi, ke la honestaj homoj estas troveblaj precize inter la ŝtelistoj?

El flandra lingvo kun afabla permeso de la aŭtoro.

Jan VAN SCHOOR.

# Muzika Labirinto

## (Ludo)

Sub tiu titolo ni legas en «L'Indépendance Belge» la jenan tre interesan artikolon subskribitan E. C.:

«Ĉu jam okazis al vi ke vi aŭdis muzikmotivon aŭ ke muzika memoraĵo trairas vian spiriton kaj ke vi diras al vi mem: «kiu estas tiu ario?» Jen estas ludo, vera ludo, bazita sur tiu mnemonika fenomeno. Ĝi estas elpensita kaj tre bone realizita de Fraŭlino Alice Everaerts (Zlica), la bonega pianinstruistino, kiu sin jam konigis per lertaj iniciativoj.

La «Muzika Labirinto» konsistas el 355 slipoj kiuj surhavas ĉiu po kelkaj muzikaj taktoj. Dorsflanke staras orda numero kiu resendas al alfabeta katalogo montranta la aŭtoron, ties nacion, naskiĝ-kaj mortodaton, k. c.. Ĉiu kunludanto prenas senelekte ian nombron da slipoj. Oni interkonsentas pri la nombro da minutoj allasotaj por la legado de la muziktemoj (oni povas ankaŭ ludigi ilin sur piano): la celo estas dirigi la nomon de la aŭtoro kaj la titolon de la verko al kiu ĝi apartenas.

La elekto de la temoj estas tre bone farita: estas troveblaj ne nur la plej konataj motivoj de la klasikuloj malnovaj, vienaj kaj romantikaj, de Bach ĝis Chopin kaj de Haendel ĝis Schumann, preterpasante je Haydn, Mozart, Beethoven kaj Gluck, ne nur ankaŭ tiuj de ĉiuj modernaj Majstroj, de Wagner kaj Franck ĝis Dukas kaj Ravel kaj de Liszt ĝis Debussy, preterirante je Chabries kaj Borodine, sed ankaŭ kelkaj specimenoj de l'aminda Muzo de Lecocq kaj de Lehar; «Madelon» eĉ ankaŭ tie-ĉi ĉeestas kaj «Phi-Phi» ne estas forgesita (fraŭlino Everaerts konas siajn aŭtorojn).

Ia nombro de slipoj kun sensigna liniaro estas pretaj por surricevi la temojn kiujn oni volus aldoni al la cititajn.

Estas io amuziga kaj kurioze malkovriga. Ni spertis la aferon. Krom kelkaj malmultnombraj esceptoj, la 355 temoj ĉi-tie notitaj devus ja esti en la memoro ne nur de ĉiu artisto, sed ankaŭ de ĉiu serioza muzikamanto. Ĝenerale oni rekonas ilin; sed, ree, oni ne kapablas, kiel oni diras en «Courouble», «meti nomon sur ilian vizaĝon».

Alia eksperimento sugestplena kaj iom humiliga konsistas el la prijuĝado «in abstracto» de iu temo anonima kaj el la klopodado por karakterizi ĝian specon, stilon, epokon. Tiam oni konstatas kiom da «apriorismo» kaj da «antaŭkonsenteco» ekzistas pri verko... kiam la aŭtoro estas konata! En la mala okazo, ni multe timas ke pli ol unu «kompetenta amanto» estas kapabla meti en «Miss Helyett» burleskan arion de Mozart!

Poste, jen ankaŭ la analogioj, el kiuj fraŭlino Everaerts citas kelkajn konfuzigajn ekzemplojn en sia katalogo: Hungara Danco de Brahms kun ario el la «Filino de l'Regimento»; la komenco de «Madelon» kun tiu de la «Brabancono».

La ludo povus eĉ havi edukigan valoron: kelkfoje oni estas trafita pro la nesciego de la junaj muzikistoj koncerno la muzikan literaturon, ekster tiu kiun ili praktikas: juna pianisto konas malmultajn operojn; kantistino-lernantino sin malmulte interesas je la piana repertuaro: tio estas bedaŭrindaĵo, kaj ne estus seninterese en la superaj kursoj de l'konservatorioj kaj muziklernejoj, promenigi tempe-ĉe-tempe la gelernantojn tra la rondiroj de tiu «labirinto», sen la Ariana fadeno (de l'katalogo), komprenebIe!»

---

Adreso: 84 rue de Namur, Bruxelles. Kosto de la ludo: 35 fr. plus la transsendo.

# XVIa Internacia Kongreso, Vieno

**7-14 AŬGUSTO 1924-a.**

---

## LA UNUA BULTENO.

La Esperantista gazetaro kaj ankaŭ kelkaj nacilingvaj ĵurnaloj jam raportis pri la decido de la Centra Komitato en Paris dum Septembro 1923-a, okazigi la XVI-an Universalan Kongreson de Esperanto 1924 en Wien-Vieno( Aŭstrujo).

La Konstanta Kongresa Komisiono (K.K.K.), interkonsente kun la lokaj organizoj Esperantistaj en Wien-Vieno aprobis dum Oktobro kaj Novembro 1923-a la al ĝi proponitan nomaron de la Lokaj Kongresaj Komitatanoj (L. K. K.).

Nun la L. K. K. dissendas la oficialan inviton al la XVia, kiu — 12 paĝa — enhavas krom ĝenerala saluto al la tutmonda Esperantistaro kelkajn sciigojn pri la kongresurbo Wien kun vidindaĵoj en tiu

urbo kaj la unuan raporton pri ĝis nun anoncindaj preparaj laboroj por la kongreso.

Aliĝilo almetita kaj resendota de la ricevinto al la L. K. K. prezentas kotiz-tabelon preskaŭ egalan kun tiu por la XV-a en Nuernberg.

Specimenoj de la oficialaj kongres-salutmarkoj estas aldonitaj, ankaŭ speciala respondilo.

Kiu ankoraŭ ne ricevis inviton, tuj postulu ĝin sub la simpla adreso:

Esperanto-Kongreso Wien, Aŭstrujo.

Nur el Aŭstrujo tuj aliĝis al la XVI-a ĝis meze de Januaro 440 gesamideanoj.

La Loka Kongresa Komitato
Schade, ĉefsekretario.

---

## NI GRATULAS

F-inon Dora Ritschie, el Antverpeno, kiu edziĝis la 7an de Februaro kun S-ro Walter Eeckels.

---

# Belga Ligo

### PROJEKTO DE PROTOKOLO PRI LA LIGA KOMITATA KUNVENO OKAZINTA DIMANĈON, 28an DE DECEMBRO 1923 EN «HOTEL DU MOULIN D'OR», 30, RUE D'ASSAUT, BRUSELO

La kunsido malfermiĝis je la 10 1/4 sub la prezidanteco de S-ro L. Cogen, vicprezidanto.

La Prezidanto senkulpigas S-ron Witteryck, Prezidanto de la Ligo, kiu ne povas ĉeesti pro sia sanstato.

**Ĉeestis:** S-roj Babilon, Champy, Mathieux, Petiau, Schoofs, Van Schoor, Komitatanoj. S-ino Elworthy-Posenaer letere senkulpigis sin.

La jenaj grupoj estis reprezentataj:

«Verda Stelo», (Antverpeno); Grupo Esp. (Boom); «Bruĝa Grupo Esp.» (Bruĝo); «Genta Grupo Esp.» (Gento), «La Progreso» (Gento); «Lieĝa Ago» (Lieĝo); «Liera Stelo» (Liero); Grupo Esp. (Mehleno); « Antaŭen » (St. Gilles ; « Société Esperanto » (Spa); « Esp. Grupo » (Verviers).

**Senkulpiĝis:** «La Tagiĝo (Ledeberg);«La Durma Stelo» (Lokeren).

**Ne senkulpigis sin:** «Suda Lumo» (Antverpeno); «Grupo Esp.» (Charleroi); « Unueco estas Forteco » (Sankta Nikolao).

TAGORDO:

1) **Financa Situacio de la Ligo.** — S-ro Mathieux, Kasisto, faris raporton, kiu montras, ke la financa situacio de la Ligo pli malboniĝis. Estas nepre necese, ke la grupoj pagu regule sian kotizon kaj zorgu ke siaj anoj abonu al « Belga Esperantisto » kiu, pro nesufiĉeco da abonantoj fariĝas grava ŝarĝo por la Liga kaso.

Krom la abonantoj, la plej bona rimedo por ebligi, ke nia revuo aperu regule kaj ĉiumonate estas havigi anoncojn. Se ĉiu grupo havigas nur unu paĝon da anoncoj la afero estus solvita! Ĉiuj grupaj Delegitoj promesis instigi sian grupon labori en tiu senco.

La raporto montras ankaŭ ke «Esperanto-Film», tiu bonega propagandilo kostis nur centon da frankoj. Ĝi kostus nenion se la grupoj mendus ĝin je pli granda nombro kaj laŭ propono de S-ro Pirnay (Verviers) ĝi povus aperi ĉiumonate kaj tiel estus tre taŭga propaganda helpilo por la grupoj. La Delegitoj promesis insiste apud siaj grupoj por ke ili ebligu la efektiviĝon de tiu deziro.

2) **Aranĝo de la Kongresa Programo.** — F-ino Thooris (Bruĝo) proponis tre belan programon por nia venonta nacia kongreso (Tiu programo aperas en la nuna numero de B. E.).

3) La ĉeestantaro unuanime akordiĝas por ke la grupoj prezentu al la ekzamenoj pri «Profesora Kapableco» nur tre kapablajn kandidatojn kiuj ne nur tre bone scipovas la lingvon sed ankaŭ ĝian historion; ili devus esti sufiĉe spertaj por taŭge respondi al la atakoj kontraŭ Esperanto kaj ĝia movado.

Laŭ propono de S-ro Jaumotte (Antverpeno) dum la venonta Komitata kunveno la juĝantaro estos reelektata kaj ĝi verkos novan programon por la ekzamenoj.

4) **Havigo de la Civila Personeco.** — La Komitato petis S-ron L. Cogen, juĝisto, ke li bonvolu studi la demandon kaj fari raporton pri ĝi dum la proksima kunveno. Kiu havas proponon pri tiu afero sinturnu al S-ro L. Cogen, Pacjuĝisto, 52, Dreve, Ninove.

5) **Partopreno en la Oficialaj Institucioj de Esperanto.** — Ĉar estas necese ke la naciaj societoj finance subtenu la oficialajn instituciojn de Esperanto, la Liga Sekretario proponas, ke ĉiuj grupoj pagu al la Ligo plian kotizon de Fr. 0.50 po ano. Tiu kotizo estus sendata al la Kasisto de la «Konstanta Reprezentantaro», nova institucio, kiu devas zorgi pri la oficiala administrado de nia movado.

La Delegitoj promesis ekzamenigi serioze de siaj grupoj tiun tre gravan aferon.

La Ligestraro elektis S-ron Schoofs, Direktoro de «B. E.» por reprezenti la Ligon ĉe la «Konstanta Reprezentantaro». La Komitato unuanime aprobas tiun elekton.

6) Diversaĵoj. — a) S-ro Baesens (Meĥleno) proponis ke la Ligo petu la organismon «Union des Villes Belges et Luxembourgeoises eldoni en Esperanto sian propagandan broŝuron. Por faciligi la laboron kelkaj Delegitoj akceptis traduki la parton pri sia urbo kaj sendi ĝin al S-ro Schoofs, kiu kunigos la diversajn tradukojn, por ilin havigi al supranomita unuiĝo.

b) S-ro Desonay (Spa) informis, ke fondiĝis «Internacia Asocio por la Kuracado de la Kancero». Li proponas, ke la esperantistoj kaj precipe la Esperantistaj Societoj de Ruĝa Kruco interrilatu kun tiu Asocio kaj helpu ĝin.

La kunveno fermiĝis je la 13a.

# Akademio kaj Lingva Komitato

Post la diversaj elektoj de 1923, la Akademio konsistas nun el:

Prof. Th. Cart, Prezidanto, S-ro J. M. Warden kaj D-ro J. Dietterle, Vic-prezidantoj, Prof. E. Grosjean-Maupin, D-ro W. Lippmann, D-ro E. Privat, Direktoroj de la fakaj Sekcioj, S-ro W. Bailey, Prof. P. Christaller, D-ro P. Corret, Prof. A. Dombrowski, (S-ro E. Evstiféieff), S-ro Inglada, S-ro G. Isbrücker, S-ro E. Kühnl, S-ro P. de Lengyel, Prof. B. Migliorini S-ro E. A. Milidge, S-ro P. Nylén, membroj.

**Akademiaj Korespondantoj:** S-ro Rollet de l'Isle (Scienca kaj Teknika Vortaro),S-ro W. Setälä (Finna lingvo), S-ro M. Solà (Kataluna), S-ro A. Tellini (Ladina), D-ro Leono Zamenhof (Pola).

**Sekcio Komuna Vortaro:** Prof. Groesjean-Maupin, Direktoro, S-roj Bailey, Migliorini, Millidge, Nylén; Bünemann, Solà, membroj.

**Sekcio Konkursoj kaj Premioj:** D-ro Privat, Direktoro, S-roj Isbrücker, Kühnl; S-ino Hankel, S-roj de Ménil, Stroele, membroj.

* * *

Mankas ankoraŭ, por ke niaj Lingvaj Institucioj estu plene reorganizitaj, granda parto de la ruslingva reprezentantaro. Bedaŭrinde sen respondo ĝis nun restis la leteroj de l'Prezidanto, ĉu ĉar ilin ne ricevis la korespondantoj en Rusujo, ĉu ĉar iliaj respondoj ne alvenis Francujon. Tamen oni rajtas esperi, ke la petitajn sciigojn la Akademio ricevos fine kaj ke antaŭ la Viena Kongreso ĉio estos en plena ordo.

* * *

**Sekcio Komuna Vortaro.** — La Esperantistoj,jam sufiĉe multnombraj, kiuj sendas al la faka Direktoro manuskriptojn por tralegado rilate la vortaron, estas petataj sendi kun la manuskripto 10 francajn frankojn (aŭ saman valoron). La Direktoro sciigos poste la aŭtoron pri la de li definitive pagota sumo, kiu dependas de la amplekso kaj de la pli malpli bona stila valoro de l'manuskripto.

**En Presado.** — Prof. Grosjean-Maupin: Oficiala Radikaro, kun tradukoj en franca, angla kaj germana lingvoj kaj esperanta difino de l' vortoj, kies signifo povas esti duba.

La sama kun tradukoj en aliaj lingvoj aperos poste.

* * *

Malprave oni riproĉus la Lingvajn Instituciojn, ke tro modestaj estas iliaj laboroj (3-a Aldono, Vortaro de la oficialaj radikoj, Korekto de la eraraj tradukoj en U. V.). Oni ne rajtas forgesi, ke post longa milito la unua tasko estis ilia reorganizado kaj aliflanke ke, en la postmilita periodo, kiam ĉiu nacio emas vivi «ĉe si», kiam la internaciaj rilatoj preskaŭ ne plu ekzistas, kiam en multaj rondoj malpli sentebla fariĝis la bezono pri internacia lingvo, kiam la financa demando ĉion malfaciligas, modesteco estas forto: modesta fajro, se tiuj, kiuj zorgas pri ĝi, estas obstine persistemaj, daŭras, dum pajla fajrego momente brilas, sed baldaŭ estingiĝas de si mem aŭ sub la

akvo de la alkurintaj pumpistoj! — Ni estu obstine persistemaj, ni laboru senbrue kaj, kiam pli helaj tagoj venos, kiujn ni ankaŭ sur diversaj kampoj klopodos por kiel eble baldaŭigi.. tiam, se ni Esperantistoj, dank' al nia severa lingva disciplino, — de ĉiuj pri ĉiuj punktoj fine akceptita, — sciis konservi al nia lingvo ĝian internacian unuecon, ĝian vortaran simplecon, ĝian komunan facilecon, nenia forto, nenia kontraŭbato malhelpos la triumfon de nia Zamenhofa Esperanto!

TH. CART
Prezidanto de la L. K. kaj de ĝia Akademio.

20. Decembro 1923. Centra Oficejo, 51 Rue de Clichy, Paris (9e).

---

# Radiofono

## PAROLADOJ EN ESPERANTO EL PRAHA

La Gazetara Servo de nia Ligo dissendis al ĉiuj gazetoj en Belgujo komunikon pri la okazigo de jenaj paroladoj de S-ro Pitlik, el la stacio Kbely apud Praha (ondlongeco 1150 m.):

la 2an de Marto pri la fama ĉeha komponisto «Fred. Smetana», okaze de la 100jara datreveno de lia naskiĝo,

la 17an de Marto pri la Foiro de Praha.

## INTERNACIA RADIO-ASOCIO

Pro la ĉiam pligrandiĝanta nombro de la radiotelefon-uzantoj, la bezono de ĝenerala komuna lingvo iĝas konstante pli granda. Pro tio, kelkaj eminentaj samideanoj-radiofonistaj fondis «Internacian Radio-Asocion», kun la celo faciligi la interrilatojn inter la diverslandaj kolegoj. Tiu asocio ellaboros ankaŭ la Esperantan radiovortaron teknikan, kaj eldonos «Internacian Radio-Revuon», kiu, interalie, konigos per Esperanto, teknikajn dokumentojn el diverslingvaj eldonaĵoj.

Tiuj, Esperantistoj aŭ ne, kiuj sin interesas pri Radiofonio, kaj favoras la adopton de Esperanto kiel internacia Radio-lingvo, povas membriĝi. La jara kotizo estas nur 1 svisa franko. Ili sin turnu por aliĝo aŭ por kiu ajn alia informo al: D-ro Pierre Corret, prezidanto, Comité Intersociétaire de T. S. F., 97, rue Royale, Versailles (Francujo), aŭ al: S-ro Harry A. Epton, Honora sekretario, 17 Chatsworth Road, London, E. 5.

## ENKETO PRI INTERNACIA RADIO-LINGVO

La «American Radio Relay League», plej grava radio-organizaĵo en Un. Statoj., pristudas la demandon pri internacia lingvo. Ĉar estas plejnecese, ke estu bone subtenata la pretendo de Esperanto, kiu estas la plej taŭga lingvo por la dirita celo, ni forte instigas ĉiujn niajn gesamideanojn, ke ili tuj skribu al S-ro Warner, Sekretario de la supre nomita Ligo, (adreso: Hartford, Connecticut, U. S. A.)

sciigante lin pro ilia intereso pri la temo Esperanto kaj Radio, citante havitan sperton pri la utilo de Esperanto, kaj dirante ke Esperanto estas la sola lingvo konvena por internacia radiado, kaj ne neniu alia estus akceptebla. Ili ankaŭ instigu siajn amikojn, interesitajn pri la temo, ke ili same skribu aparte. Skribu tuj kaj avertu pri tio la Sekretarion de la Internacia Radio-Asocio, S-ro Epton, 17 Chatsworth Road, Londono, E. 5.

### BELGA RADIO-GAZETO

Ni sciigas al niaj legantoj ke antaŭ unu monato aperis en nia lando speciala Radio-gazeto: «Radio-Belge» kiu aperas ĉiusemajne, kaj okupas sin precipe pri la teoria kaj praktika disvastigo de la nova scienco. La gazeto estas redaktata de komitato konsistanta el inĝenieroj kaj tre kapablaj specialistoj, ĝi sin turnas precipe al la komencantoj, havigante tamen al la inicitoj plej utilajn sciigojn kaj informojn. Kaj kio estas plej grava por ni, Esperantistoj, estas la fakto, ke «Radio-Belge» akceptis enpresi ĉiujn novaĵojn pri Esperanto, kiuj povus interesigi la amatorojn de senfadena telefono. Efektive en la No 2 ni trovas informon pri la unua Esperanta parolado de S-ro Pitlik (31 Jan.), kaj en la No 4, krom anonco de la parolado de la sama amiko pri la Foiro de Praha (17 Marto), la gazeto donas ĉiujn utilajn sciigojn pri la fondo de la «Internacia Radio-Asocio», kaj pri iniciativo de la American Radio Relay League» ĉi supre priskribita.

La esperantistoj, kiuj sin okupas pri radio faros do bone petante specimenan numeron de «Radio-Belge» al la adreso: Rue du Persil, 3, Bruselo, aldonante Fr. 0,50. D. J.

---

Fondiĝis «Radiofona Esperanto Ligo». Interesatoj skribu al Paul Lendorff, Dybbölsgade 35, Kopenhago, B., Danlando.

---

# Diversaj Informoj

La **«Komitato por Klasikaj Reprezentadoj en la Greka Teatro»** en Siracusa (Italujo), anoncas siajn mond-klasikajn reprezentadojn okazontajn en proksima printempo (1914). Ĝi dissendas tiucele diverslingvan flugfolieton, kun Esperanta teksto. Interesatoj sin turnu al nia samideano Prof. Luigi Scatà, Via Cavour 43, Siracusa, kiu intencas organizi specialan kunvenon por la Esperantistoj.

La **«Tutmonda Amikaro de Publikoficistoj»** restariĝis. Nia bone konata samideano M. Doué, el Paris, dissendis cirkuleron pri tiu reviviĝo. Ni instigas ĉiujn Esperantistojn-oficistoj de ŝtataj, provincaj, urbaj k. a. publikaj administracioj aliĝi al tiu faka ligo kaj tuj skribi al S-ro Doué, M., 10, rue Charles Divry, Paris XIV.

La **«Laborista Esperanto-Grupo» de Genova** memorigis la 50an datrevenon de la morto de la granda itala pensulo Mazzini, tradukante

kaj eldonante lian faman verkon «Devoj de la Homo». Tiu verko estas senpage sendata al ĉiu petanto. Oni tamen antaŭdankas pro ĉiu monofero, eĉ malgranda, aldonata al la peto. Adreso: S-ro Ettore Managlia, sekr.-kas. de «Lab. Esp.-Grupo», Casella Postale, 922, Genova (Italujo).

La Centra Oficejo de la «**Tutmonda Polica Ligo**», Budapest, IX., Üllöi-ut 59. IV. 8. (Hungarujo, kunmetis bone pristuditan planon por firme starigi sian organizaĵon kaj laŭsisteme enkonduki Esperanton ĉe la Internacia Polica Instituto. La belgaj samideanoj-policistoj sin turnu kiel eble baldaŭ al S-ro Augusto de Marich, reĝa polica ĉefinspektoro, ĝenerala direktoro de « Tutmonda Polica Ligo » kaj ĉefredaktoro de «La Policisto» (internacia organo en Esperanto), adreso: ĉi supre citita.

## ESPERANTO KAJ KOMERCO.

La Komerca Ĉambro de Reichenberg, Ĉeĥoslovakujo, presigis cirkuleron en Esperanto pri «Komerca kaj Industria adresaro» de la regiono. Por montri al tiu organizaĵo la uzeblecon kaj disvastigon de Esperanto, S-ro Inĝ. Gustav Scholze, Estro de la Esp.-Fako ĉe la Foiro le Reichenberg, petas, ke la esperantistaj komercistoj petu informojn pri la adresaro aŭ pri la loka industrio per Esperanta letero, al: «Handels- und Gewerbekammer en Reischenberg, Ĉeĥoslovakujo.

**Internacian Porkomercan Adresaron « Per Esperanto »**, en kiu estos notita la adreso de ĉiu komercisto, kiu jam uzas aŭ intencas uzi interlingvon Esperanto, intencas eldoni tre baldaŭ la Asocio por komerco kaj helplingvo tutmondaj en Wien-Aŭstrujo. Por atingi tiun celon la Asocio petas, ke ĉiu, kiu povas tion fari, sciigu al ĝi firmojn industriajn, komercistojn, komercajn korporaciojn kaj metiistojn, kiuj:

1. jam uzas la lingvon Esperanto por korespondado, prospektoj, reklamafiŝoj, markoj, k. t. p.;

2. kvankam ĝis nun ne uzante la lingvon, bone prijuĝas kaj estas emaj uzi ĝin por propraj celoj.

Ili skribu legeble: nomon, adreson, branĉon, specialan fakon de ĉiu firmo, al jena adreso: Margarethenstr. 120 Wien V., Aŭstrujo.

## 10-aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ.

La Komitato de la X-aj Internaciaj Floraj Ludoj salutas la Esperantistajn verkistojn, kaj invitas ilin partopreni en siaj konkursoj.

Krom la kvar «ordinaraj temoj» (I. Originala versaĵo kantanta «Amon»; II. Originala Ama verko en prozo; III. Traduko de kataluna versaĵo; IV. Traduko de kataluna prozaĵo.), estas prezentitaj en tiuj konkursoj, 14 eksterordinaraj temoj ĉiuspecaj.

La Festo de la X-aj Internaciaj Flora Ludoj okazos en Vich dum la 11a Kongreso de «Kataluna Esperantista Federacio», en Junio 1924.

La manuskriptoj devas esti ricevitaj antaŭ la 15a de Aprilo 1924 de la Sekretario de la Floraj Ludoj (S-ro Jaume Grau Casas, Claris, 72, Barcelona), al kiu oni petu la plenan programon kaj regularon.

# Bibliografio

JOSEPH RHODES KAJ LA FRUAJ TAGOJ DE ESPERANTO EN ANGLUJO, angle verkita de John Merchant (prezidanto de B.E.A.), esperanten tradukita de Louise Briggs (Leeds). Eldonita de la Federacio Esperantista de Yorkshire. J.H. Fitton, Meadow House, Shepley (Huddersfield). Aĉetebla ĉe British Esperanto Association, 17 Hart Street London W. C. 1. 146 paĝoj, 19 x 12,5 cm. Prezo: paperbindita 2 ŝ. 10 p.; drapbindita, 5 ŝ. Belege eldonita libro kun portreto de Rhodes kaj de lia memorŝtono en Keighley. En 20 ĉapitroj la aŭtoro detale priskribas la historion de Esperanto en Anglujo, priskribon kiun li interplektas per specialaj notoj pri la agado de la persistema pioniro Joseph Rhodes, konsiderata kiel unu el la unuaj esperantistoj en Britujo, sed certe la fondinto de la unua esperanto-grupo en tiu lando (Keighley 1902). La libro estas plej valora dokumento, kun granda intereso legota de ĉiu samideano kaj sendube konsultota de ĉiu estonta historikronikisto de Esperanto.

SPOKEN ESPERANTO. Anglalingva gramatiko de Esperanto. By the Direct Method for beginners. Verkita kaj Eldonita 1923, ĉe Sorman W. Frost, A.B., U.E.A. 12, 787. Cambridge, 38 Mass. 94 paĝoj, 23,5 x 15 cm. Prezo: paperbindita Doll. 0.60; tolbindita: Doll. 1. Praktika lernolibro, dividita en 50 lecionoj, por instruistoj. Uzebla en lernejoj kaj grupoj.

NURNBERGER ESPERANTO-TRICHTER. Leitfaden für Schnell- und Massenkurse von Ŝattat. 4 paĝoj, 24 x 31,5 cm. Prezo:?

Eldonita de Ellersiek & Borel, Berlin. Tre praktika okleciona gramatiko por germanlingvaj personoj.

LA MALBELA ANASIDO, de Hans Christian Andersen. — Facila legolibro por anglaj komencantoj en Esperanto. Eldonita de la British Esperanto Association, 17, Hart Street, London, W. C. I. 12 paĝoj. 8,5 x 12 cm. Prezo: One penny. Aparta eldono de la jam de multaj jaroj konata fabelo antaŭe aperinta en la «Tutoj», kiujn eldonis Ĉefeĉ. La broŝuro ankaŭ enhavas la klarigajn notojn pri gramatikaj reguloj.

ESPERANTOJ FOR YOUNG BEGINNERS, 7a eldono, eldonita de la Britsh Esperanto Association. 17, Hart Street, London, W. C. I. 24 paĝoj: 10,5 x 16.5 cm. Prezo: 2 pence. Tre plaĉe eldonita malgranda gramatiko por komencantoj, dividita en 10 lecionoj, kun 2 leglecionoj kaj vortareto.

LITERATURO. — Eldonita de la Brita Literatura kaj Debata Societo. Vendita de Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, W. C. 1 London. N-10, Julio-Septembro, 1923. 24 paĝoj (de 49 ĝis 72): 12 x 18 cm. Enhavo: El la Redaktejo. — La Sonĝo de l'Instruisto. — «Niaj Patroj rakontis al ni». — «Kamuflaĵo». — La Maskfesto de la Ruĝa Morto. — Lingva Fako.

ENCIKLOPEDIA VORTARO ESPERANTA-GERMANA, kun speciala elmontro de la Zamenhofa Lingvuzo, de Eugen Wüster. Unua parto. Provo sur la vojo al la internacia sinteza vortaro de Esperanto.

(Enkonduko aperas en aparta volumo). Eldonita laŭ komisio de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko. Eldonita de Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. Esperanto-Fako. 24 kaj 136 paĝoj: 17,5 x 25,5 cm. Prezo: 3 dolaroj.

Unua parto de kolosa laboro! Tiu verko estas tre detala, plej subtila analizado de ĉiu Esperanta radiko, kaj de ĉiu ebla devenaĵo de aŭ kunmetaĵo kun la koncerna radikvorto. Tiu unua parto prezentas la materialon de «a» ĝis «ĉerizo», ni supozas do proksimume la sesan parton de la tuta giganta laboro. Ni multe esperas, ke la nuntempaj malfavoraj mondkondiĉoj ne tro influos la realigon, t. e. la eldonadon de la plena verko. Ni ankaŭ kredas, ke la klarigo en nura germana lingvo de la Esperantaj terminoj ne tro multe malhelpos la uzadon de la libro de la aliaj diverslingvaj samideanoj. Ni faras alvokon al ĉiuj unuopaj Esperantistoj kaj al ĉiuj grupoj, kiuj posedas la necesajn rimedojn, ke ili favoru la pluan eldonadon de la vortaro, pro kies bela aspekto meritas plej grandan laŭdon la firmo Hirt el Leipzig.

KONCERTA KANTARO. — Unua Parto. — Simplaj kantoj kun facila akompano de fortepiano. Eldonita de P. C. Brederode kaj K. Veldkamp. Tradukinto de la tekstoj Jan Ziermans (Scheveningen-Holando). Eldonejo P. Noordhoff, Groningen-Holando. 80 paĝoj 20,5 x 28 cm. Prezo: broŝurita Sv. Fr. 5.—, bindita Sv. Fr. 7.—. Tre bela albumo kun 38 bonegaj muzikaĵoj de famekonataj majstroj, interalie de Schubert, Beethoven, Haydn, Mozart, Mendelssohn, Cornelius, Schumann, Bérat, Martini, k. c. Ĉiu grupo nepre bezonas tiun trezoron de kantoj, por siaj koncertoj. Kun grandega plezuro ni salutus la baldaŭan aperon de 2a parto de la «Koncerta Kantaro»!

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA. — Setimo Congresso Brazileiro de Esperanto. Rio de Janeiro. 19-24a de Aprilo 1923. Eldonita de «O NORTE», Rio de Janeiro» 1923, 90 paĝoj ,16 x 22,5 cm. Prezo : nemontrita. Enhavas en Portugala lingvo, la raportojn kaj ĉiujn dokumentojn pri la programo de la 7a Brazila Kongreso de Esperanto. Nur malmultaj naciaj societoj eldonis pri siaj kongresoj tian belan memoraĵon. Ni kore gratulas niajn brazilajn kunbatalantojn.

KOREKTO DE LA ERARAJ TRADUKOJ EN »UNIVERSALA VORTARO» de Th. Cart; (kun aprobo de la Lingva Komitato. Pola Parto de A. Grabowski kaj K. Bein. 4 paĝoj 25 x 16 cm. Eldonita de Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin S.W. 61, Wilms-Strasse 5. Prezo: 0.30 Sv. Fr.

KOREKTO DE LA ERARAJ TRADUKOJ EN «UNIVERSALA VORTARO» de Th. Cart; (kun aprobo de la Lingva Komitato.) Rusa Parto de S. Obruĉev. 4 paĝoj 25 x 16 cm. Eldonita de Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin S. ĝ. 61, Wilms-Strasse 5. Prezo: 0.30 Sv. Fr.

## *DEZIRAS KORESPONDI :*

F-ino Ljudmila Jereb, Ljubljana, Gosposvetska c. 13-14, (Jugoslavujo).
Francisko Csauth, Vic-Del. UEA, Petefi 3, Novi Sas, (Jugoslavujo).
Georg Schafenberger, Oberneuschönberg i/Erzg; (Germanujo).
V. Albers, Steinstrasse 18, Recklinghausen (Germanujo) 12 jara.
Hans Pradel, Börsterweg 36, Recklinghausen (Germanujo).
Ludoviko Scheiring, Coörsz-utca 51, Budapest I, (Hungarujo).
Frank Dalton, 140 Wallwood Rd., London E. 11, (Anglujo(.
Herbert Meyer, Enge Gasse 52, Oederan (Germanujo).
Herbert Jasper, komercisto, Niedersedlitz ĉe Dresden (Saksujo).

**S-ro J. PUMR, HRADEC KRALOVE 11, Ĉeĥoslovakujo, interŝanĝas poŝtmarkojn; respondas ĉiam. Aĉetas uzitajn p. m. po 100 pecoj; tiurilate petas nur proponojn kun specimenoj.**